## ANTAŬPAROLO

Saluton! Mia nomo estas Esperanto. Kara leganto, eble vi miras, ke mi parolas al vi tiel senĝene. Ordinare oni ne lasas lingvon esprimi sin. Ĝian voĉon oni transdonas al lingvistoj kaj gramatikistoj. Sed tiun kutimaĉon mi ĉi-foje decidis ŝanĝi. Mi evitis la perantojn kaj parolos mem al vi. Mi esperas ke mia decido plaĉos al vi.

Pri kio mi vortos? Ne pri mi mem. Mi parolos pri mia kuzo. Li nomiĝas Ido. Eble vi scivolas, kial mi epitetas Idon mia kuzo. Nu, vi certe scias, ke mia patro estas Zamenhof. Vi scias ankaŭ, ke la patro de Ido estas aro da lingvistoj kaj sciencistoj, inter kiuj elstaras Couturat, Beaufront, Ostwald kaj Jespersen. Ĉi lastaj estas fratoj de Zamenhof en la sama celo kaj idealo: disbati la lingvajn barojn kaj progresigi la homaron. Tio estas la plej profunda senco de la vorto *frato*: komuneco ne sanga, sed intelekta kaj spirita. Tiusence mia patro kaj la patro de Ido estas veraj fratoj. Ido estas do mia kuzo.

Kial mi parolos pri mia kuzo? Ĉar ni estas ne nur kuzoj. Ni staras ankaŭ kiel bonaj amikoj. Ne dividas nin ĵaluzo nek envio. Tion ne ĉiam komprenas miaj adeptoj, kaj ankaŭ ne liaj partizanoj[1]. Tamen ni ne rivalas. Ni estas amikaj kuzoj. Kaj ne abundas libroj pri Ido. Mi do decidis paroli pri li, prezenti lin senhonte. Kiel kuzo, mi konas lin tre bone, kaj li min. Nia parenceco estas tre granda kaj nekaŝebla. Mi do decidis verki ĉi tiujn notojn pri mia preferata familiano.

La nuna verko ne celas fari kompletan prezenton pri mia kuzo. Ĝi ne estas lernolibro. Ĝi konsistas ne el lecionoj, sed nur el kelkaj babiletoj pri pluraj trajtoj de mia kuzo, ĉefe pri la prononco.

Mi deziras al vi amuzon dum la lego, instruon dum la lerno, kaj plezuron dum la konatiĝo kun mia kuzo, la internacia lingvo Ido. Kaj nun, ek!

---

[1] Amuza sed absurda estas la moto, kiun la adeptoj de mia kuzo ŝpinis, por averti liajn komencantojn: *Lasciate ogni Esperanto, voi ch'entrate!.* Atentu, ke ĉi tiu frazo ne estas en mia kuzo, sed en la itala. Temas pri parodio de la fama verso de Danto *Lasciate ogni speranzza, voi ch'entrate!* («Ĉiun esperon demetu ĉe l' enpaŝo!», laŭ fama traduko de Kalocsay). Tiun verson la granda itala poeto pendigis ĉe la enirejo de la infero en sia **Dia Komedio**. En mia kuzo tiu verso sonas jene: *Eskartez omna espero, vi, eniranti!*

# LA AKCENTO DE MIA KUZO

**1.** Por lerni la akcenton de mia kuzo, oni bezonas scii tri ĉefajn regulojn, nome:

*a)* Ĉe la **infinitivo**, la akcento ĉiam falas sur la **lasta** silabo: *am**a**r* («ami»), *ven**a**r* («veni»), *skrib**a**r* («skribi»).

*b)* Ĉe la ceteraj vortoj ĝi falas sur la **antaŭlasta** silabo, kiel ĉe mi: *fen**e**stro*, *bov**i**no*, *b**o**na*, *kanap**e**o* («kanapo»), *her**o**o*, *bo**a**o*.

*c*) Ĉe plursilabaj radikoj, **i** kaj **u** senpere **antaŭ vokalo** ne formas apartan silabon, kaj do **neniam** ricevas la akcenton, sonante ĉiam kiel miaj **j** kaj **ŭ**. La akcento do falas sur la antaŭa vokalo: *f**o**lio*, *g**e**nuo*, *akad**e**mio*, *l**i**nguo* («lingvo»), *fam**i**lio*, *st**a**tuo*, *r**a**dio*, *m**a**nuo* («mano»), *harm**o**nio*, *indiv**i**duo*, *pek**u**nio* («mono»), *r**e**vuo*.

**2.** Ĉe unusilabaj radikoj, **i** kaj **u** evidente ricevas la akcenton: *p**i**a*[2], *d**i**o* («tago»), *sh**u**o* («ŝuo»), *fl**u**a*, *tr**u**o*.

**3.** Kiam tiaj unusilabaj radikoj iĝas la lasta parto de kunmetita vorto, ili **plu portas** la akcenton: *desp**i**a* («malpia»), *cad**i**e*[3] («ĉi-

---

[2] *pia*, *dio*, *shuo*, *fluo*, *truo* estas dusilabaj **vortoj** el **radikoj** unusilabaj: *pi*/, *di*/, *shu*/, *flu*/, *tru*/.

[3] Por diri **hodiaŭ** mia kuzo uzas ankaŭ la adverbon *hod**i**e*, adverba kunmetaĵo el la prefixo *ho*- («en la prezenta») kaj la unusilaba radiko *di*/ («tag/»). La radiko *di*/, kiel ĉiuj unusilabaj radikoj, konservas sian akcenton ene de ĉiuj kunmetaĵoj, kaj do ankaŭ ene de *cad**i**e* kaj *hod**i**e*! Alian klasikan ekzemplon konsistigas la semajn-tagoj de mia kuzo: *s**u**ndio* («dimanĉo»), *l**u**ndio* («lundo»), *m**a**rdio* («mardo»), *merk**u**rdio* («merkredo»), *j**o**vdio* («ĵaŭdo»), *ven**e**rdio* («vendredo») kaj *sat**u**rdio* («sabato»). Ĉe ĉiuj ĉi vortoj la *di* apartenas al aparta radiko: *sundi*|*o* (ne *sun*/*di*/*o*!), *lundi*/*o* (ne *lun*/*di*/*o*!), *mardi*/*o* (ne *mar*/*di*/*o*!), *merkurdi*/*o* (ne *merkur*/*di*/*o*!), *jovdi*/*o* (ne *jov*/*di*/*o*!), *venerdi*/*o* (ne *vener*/*di*/*o*!), *saturdi*/*o* (ne *satur*/*di*/*o*!). Ili do sekvas la ĝeneralan regulon.

tage», do «hodiaŭ»), *senshua* («senŝua»), *kontreflua*[4] («kontraŭflua»), *buton-truo*.

**RIM.** Ĝis la fino de mia babilaro mi ĉiam grasigos la akcentitan vokalon ĉe la vortoj, kies akcento diferencas de la mia.

## LA ALFABETO DE MIA KUZO

**4.** La alfabeto de mia kuzo enhavas 5 vokalojn kaj 21 konsonantojn, do entute **26 literojn**.

**5.** Mia kuzo prezentas la samajn **vokalojn** kiel mi, kun la sama prononco: ***a***, ***e***, ***i***, ***o***, ***u***.

**6.** Kiam ***u*** senpere sekvas ***g*** kaj antaŭas vokalon, tiam ĝi sonas kiel mia **ŭ**: *guardo* [prononcu: gŭardo] («gvardio»), *guidar* [prononcu: gŭidar] («gvidi»), *pinguino* [prononcu: pingŭino] («pingveno»).

**7.** Kaj la **konsonantoj**? Nu, mia kuzo tute ne ŝatas **ĉapelojn**. Li preferas lasi la harojn flirti en la vento. Kompense, li adoptis literojn, kiuj mankas al mi: ***q***, ***x***, ***y***, ***w***. Jen do lia tuta konsonantaro: ***b***, ***c***, ***d***, ***f***, ***g***, ***h***, ***j***, ***k***, ***l***, ***m***, ***n***, ***p***, ***q***, ***r***, ***s***, ***t***, ***v***, ***w***, ***x***, ***y***, ***z***.

**8.** Por demeti miajn ĉapelojn, mia ruza kuzo uzas plurajn rimedojn:

*a)* Mia **ĉ** ĝenerale[5] fariĝas ***ch***, kun la sama prononco: *chapelo*, *chaso*, *pinchar* («pinĉi»).

---

[4] Dum *kontreflua* estas kunmetaĵo (*kontre*/*flu*/*a*), ene de kiu la radiko *flu*/, kiel ĉiuj unusilabaj radikoj, gardas sian akcenton, la vorto *superflua* (“troa”) sekvas la ĝeneralan regulon, ĉar ĝi konsistigas apartan radikon: *superflu*/*a* (ne *super*/*flu*/*a*!).

[5] Mi diris «ĝenerale», ĉar ne ĉiam okazas tiel. Kelkfoje mia **ĉ** fariĝas ***sh***: *fetisho*, *kashaloto*, *marsho*, *shabrako*, *sharlatano*, *sharpio*, *shifono*, *shikanar*; kelkfoje ĝi iĝas ***c***: *cerizo*, *cesar*, *cielo*, *cirkum* («ĉirkaŭ«), *dolca*,

*b)* Mia **ŝ** ĝenerale[6] fariĝas **sh**, kun la sama prononco: *shelo*, *shuo*, *musho*.

*c)* La ***j*** de mia kuzo prononciĝas kiel mia **ĵ**:

| | | |
|---|---|---|
| ***plajo*** | (prononcu: *pl**a**ĵo*) | = plaĝo |
| ***ja*** | (prononcu: *ĵa*) | = jam |
| ***jus*** | (prononcu: *ĵus*) | = ĵus |

**9**. La **novaj literoj** havas jenan prononcon:

*a)* La litero ***q*** neniam estas sola. Ĝin ĉiam sekvas ***u***, kiu neniam ricevas la akcenton kaj prononciĝas kiel mia **ŭ**. Jen do bela paro por altaro (***qu***), kiu sonas kiel **kŭ**:

| | | |
|---|---|---|
| ***aquo*** | (prononcu: ***a**kŭo*) | = akvo |
| ***qua*** | (prononcu: *kŭ**a***) | = kiu |
| ***sequar*** | (prononcu: *sekŭ**ar***) | = sekvo |

*b)* La litero ***x*** sonas kiel mia **ks**:

| | | |
|---|---|---|
| ***axo*** | (prononcu: ***a**kso*) | = akso |
| ***examenar*** | (prononcu: *eksamen**ar***) | = ekzameno |
| ***buxo*** | (prononcu: *b**u**kso*) | = skatolo |

*c)* La litero ***y*** sonas kiel mia **j**:

| | | |
|---|---|---|
| ***yuna*** | (prononcu: *j**u**na*) | = juna |
| ***yes*** | (prononcu: *j**e**s*) | = jes |
| ***onyono*** | (prononcu: *onj**o**no*) | = cepo |

*d)* La litero ***w*** sonas kiel mia **ŭ**. Mia kuzo uzas ĝin malofte, por konservi la aspekton de internaciaj vortoj:

---

*kapuco*, *kondiciono* («kondiĉo»), *laco* («laĉo»; por mia **laco**, mia kuzo diras *fatigeso*), *sorc**ar***, *sufic**ar***, *voco*.

[6] Mi diris «ĝenerale», ĉar ne ĉiam okazas tiel. Kelkfoje mia **ŝ** fariĝas ***ch***: *babucho* («babuŝo»), *march**ar*** («marŝi»).

| | | |
|---|---|---|
| ***wiskio*** | (prononcu: *ŭ**i**skjo*) | = viskio |
| ***westo*** | (prononcu: *ŭ**e**sto*) | = uesto, okcidento |
| ***Wals*** | (prononcu: *ŭ**a**ls*) | = Kimrio |

**10.** Kaj la **diftongoj**? Nu, mia kuzo havas preskaŭ[7] la samajn kiel mi:

| | | |
|---|---|---|
| ***kayo*** | (prononcu: *k**aj**o*) | = kajo |
| ***lauta*** | (prononcu: *l**aŭ**ta*) | = laŭta |
| ***tombeyo*** | (prononcu: *tomb**ej**o*) | = tombejo |
| ***Europa***[8] | (prononcu: *eŭr**o**pa*) | = Eŭropo |
| ***voyo*** | (prononcu: *v**oj**o*) | = vojo |
| ***inkuyo*** | (prononcu: *ink**uj**o*) | = inkujo |

**11.** Mia kuzo neniam uzas la diftongojn ***ay***, ***ey***, ***oy***, ***uy***, kiam ilin senpere antaŭas konsonanto ene de la sama radiko[9]:

---

[7] Mi diris «preskaŭ», ĉar mian tre maloftan diftongon **oŭ** mia ruza kuzo tute ne ŝatas kaj do ne uzas. Ekzemple anstataŭ **poŭpo** li diras *pupo*, kaj mia **pupo** estas ĉe li *pupeo*. Konfesinde ankaŭ mi emas eviti tiun strangan **oŭ**, kaj anstataŭ **poŭpo** mi plejofte diras **pobo**.

[8] Kara leganto, vi certe rimarkis ke mia kuzo ne uzas apartan signon por miaj diftongoj **eŭ** kaj **aŭ**, dum por miaj **aj** kaj **ej** li helpas sin per la duonvokalo ***y***, skribante ***ay*** kaj ***ey***. Tial li ne distingas skribe miajn **eŭ** kaj **aŭ** disde miaj **eu** kaj **au**. Ekzemple li skribas *neutila* (*ne*/*util*/*a*), kie la grupo *eu* prononciĝas kiel mia **eu**, kaj *neutra* (*neutr*/*a*), kie la grupo *eu* havas la saman elparolon kiel mia **eŭ**.

[9] Por eviti la diftongon *ay* senpere antaŭ vokalo, mia kuzo uzas kvin rimedojn: **a)** mian diftongon **aj** li igas dusilabo: *fa**i**ro* («fajro»), *tra**i**to* («trajto»), *ka**i**to* («kajto»); **b)** li forigas mian **j**, tiel respektante etimologion pli ol mi: *semano* («semajno»), *gan**ar*** («gajni»), *galo* («gajlo»), *treno* («trajno»); **c)** li deŝovas mian **j** en la lastan silabon, tiel respektante etimologion pli ol mi: *em**a**lio* («emajlo»), *sal**a**rio* («salajro»), *ten**a**lio* («tenajlo»); **d)** li alprenas tute alian radikon: *klovo* («najlo»), *grelo* («hajlo»), *sifl**ar*** («fajfi»), *lim**ar*** («fajli»), *kavalk**ar*** («rajdi»), *darf**ar*** («rajti»), *sembl**ar*** («ŝajni»); **e)** li faras internan modifon en la radiko: *serayo* («serajlo»). Li uzas la samajn rimedojn por trakti la ceterajn diftongojn, kiuj tamen estas malpli oftaj: *s**o**lio* («sojlo»), *k**o**nio* («kojno»), *feno* («fojno»), *aciano* («cejano»), *kaloriz**ar*** («hejti»), *m**i**lio* («mejlo»).

| | | |
|---|---|---|
| fairo | (prononcu: *fa-**i**-ro*) | = fajro |
| veino | (prononcu: *ve-**i**-no*) | = vejno |
| boikoto | (prononcu: *bo-i-k**o**to*) | = bojkoto |
| pruino | (prononcu: *pru-**i**-no*) | = prujno |

**12.** Por diri la nomon de la konsonantoj de mia kuzo, sufiĉas aldoni al ili la vokalon **e**, ne forgesante ke **q** neniam forlasas sian parulon: ***be***, ***ce***, ***de***, ***fe***, ***ge***, ***he***, ***je*** (prononcu: **ĵe**), ***ke***, ***le***, ***me***, ***ne***, ***pe***, ***que*** (prononcu: **kŭe**), ***re***, ***se***, ***te***, ***ve***, ***we*** (prononcu: **ŭe**), ***xe*** (prononcu: **kse**), ***ye*** (prononcu: **je**), ***ze***.

## EKZERCO

Bonvolu voĉlegi plurfoje la sekvan tekston de mia kuzo. Tute ne zorgu pri la signifo de vortoj kaj frazoj. Ilin vi lernos poiome kaj milde. Nun la celo estas nur ekzerci prononcon kaj ĝustan akcentadon. Por helpi vin glate elparoli mian kuzon, mi grasigis ĉiujn akcentitajn silabojn kaj aldonis iom da piednotoj. Ek do! Jen ĝi:

Ka v**u**[10] pr**i**zas la s**o**ni ed euf**o**nio di m**e**a k**u**zo **I**do? Lu **e**sas[11] l**i**nguo tre b**e**la, ka n**e**? Me e m**e**a k**u**zo apart**e**nas a charm**o**za fam**i**lio qu**a**[12] m**u**lte pl**e**zos a v**u**. **O**mna m**e**mbri di ca fam**i**lio **e**sas por vu qu**a**ze fr**a**ti qu**i** h**e**lpos vu[13] kompren**a**r **a**ltra h**o**mi en l**a**ndi div**e**rsa.

---

[10] Kiam mia kuzo okazigas sinsekvon de du (aŭ pli da) vortoj unusilabaj, la akcento ĉiam falas sur la lasta, kiel ĉe mi: *ka v**u**?* («ĉu v**i**?»), *ka n**e**?* («ĉu n**e**?»), *en l**a***, *a v**u*** («al v**i**»), *di c**a*** («de ĉ**i**»), *por v**u*** («por v**i**»), *tra l**a**, kun l**u*** («kun l**i**/ŝ**i**/ĝ**i**»), *e n**u**n* («kaj n**u**n»), *yen d**o**!* («jen d**o**!»).

[11] Kiam la pronomoj de mia kuzo staras kiel subjekto senpere antaŭ la verbo, ili kondutas **proklitike**, t.e. ili ne portas akcenton kaj kvazaŭ kungluiĝas kun la sekva vorto, kiu kvazaŭ portas la akcenton de la tuto. Mi montras la saman trajton: *il **e**sas* («li **e**stas»), *vu konoc**e**skos* («vi ekk**o**nos»), *vu st**a**ndos* («vi f**a**rtos»), *il f**a**cos* («li f**a**ros»).

[12] Bone atentu la prononcon de la vortoj kun *qu*: *qu**a*** (prononcu: kŭ**a**), *qu**a**ze* (kŭ**a**ze), *qu**i*** (kŭ**i**), ***a**quo* (**a**kŭo), *inters**e**quos* (inters**e**kŭos), *qu**a**le* (kŭ**a**le).

[13] Kiam la pronomoj de mia kuzo staras kiel rekta objekto senpere post la verbo, ili kondutas **enklitike**, t.e. ili ne portas akcenton kaj kvazaŭ

En l**i**a m**a**nui vu st**a**ndos tre b**o**ne ed **e**sos[14] s**e**mpre komfort**o**za. T**o**te ne imp**o**rtas[15] kad **i**ca fam**i**lio v**e**nas de Eur**o**pa o de Afr**i**ka, kad ol hab**i**tas en W**a**ls od en Portug**al**[16]. Lo import**a**nta es acept**ar**[17] l**i**a inv**i**to, enir**a**r l**i**a h**e**mo e ju**a**r l**i**a v**i**vo famili**a**la: desmet**a**r la chap**e**lo, sensh**ue** jac**a**r sur l**i**a sof**a**o o kanap**eo**, an la fa**i**ro di krepit**a**nta kam**e**no, e drink**a**r kun li **a**quo, t**e**o, b**i**ro o mem w**i**skio, s**e**gun la g**u**sto. Y**e**s! Li **e**sas l**i**ngui kun temperam**e**nto y**u**na ed amuz**a**nta. E n**u**n ja es t**e**mpo komenc**a**r. La bab**i**li inters**e**quos qu**a**le f**o**lii di l**i**bro s**e**mpre n**o**va. O qu**a**le b**u**xo pl**e**na de surpr**i**zi. Yen d**o**! Vu c**e**rte j**u**os m**e**a k**u**zo. Lu f**a**cos nula r**u**zo. B**o**n am**u**zo!

## LA NUMERALOJ DE MIA KUZO

**13.** Kiel proksimaj parencoj, mi kaj mia kuzo prezentas amason da komunaj trajtoj. Vi tion rimarkos dum niaj babiloj. Kiu bone min konas, tiu ekkonos mian kuzon sen grandaj tuberoj kaj grincoj. La problemo kuŝas en tio, ĉu oni bone min konas aŭ nur senhonte balbutas...

### La bazaj numeraloj

---

kungluiĝas kun la antaŭa vorto, kiu tiel kvazaŭ prononciĝas kiel vorto proparaksitona, t.e. portanta la akcenton sur la antaŭlasta silabo. Mi montras la saman trajton: *gu**i**dos vu* («gv**i**dos vin»).

[14] Ankaŭ la konjunkcioj de mia kuzo kondutas proklitike, kiel la miaj: *ed **e**sos* («kaj **e**stos»).

[15] Multaj aliaj vortetoj de mia kuzo kondutas proklitike, kiel ĉe mi: *ne imp**o**rtas* («ne gr**a**vas»), *kad **i**ca* («ĉu t**i**u ĉi»), *de Eur**o**pa* («de Eŭr**o**po»), *sur l**i**a* («sur il**i**a»), *o kanap**eo*** («aŭ kan**a**po»), *an la fa**i**ro* («ĉe la f**aj**ro»), *o mem w**i**skio* («aŭ eĉ visk**i**o»).

[16] Kelkaj lando-nomoj, kiel *Portug**a**l*, tenas en Ido sian nacian formon kaj akcenton, sed ĉiuj ties literoj prononciĝas tute laŭ la Ida alfabeto. Aliaj ekzemploj: *Hond**u**ras*, *Ch**i**li*, *Per**u***, *Urugu**ay***, *Venezu**e**la*, *San Salvad**o**r*.

[17] Ankaŭ la verba formo *es* (mallongigo de *esas*) kontutas proklitike: *es acept**a**r* («**e**stas akc**e**pti»), *ja es t**e**mpo* («jam **e**stas t**e**mpo»).

**14.** La bazaj numeraloj apartenas al la komunaj trajtoj supre menciitaj. Mia kuzo apenaŭ prezentas diferencojn ĉi-kampe. Jen do:

| | | | |
|---|---|---|---|
| 0 = zero[18] | | 7 | = sep |
| 1 = un | | 8 | = ok |
| 2 = du | | 9 | = non |
| 3 = tri | | 10 | = dek |
| 4 = quar[19] | | 100 | = cent |
| 5 = kin | | 1 000 | = mil |
| 6 = sis[20] | | 1 000 000 | = milion[21] |

Facile, ĉu ne? Multaj estas egalaj, kelkaj tre similaj, kaj nur la 0 aspektas tute alie, ĉar pri internacieco de siaj radikoj mia kuzo montriĝas pli zorgema ol mi...

**15.** La kunmetitaj numeraloj de mia kuzo formiĝas en maniero tute simila al la mia. Por la numeraloj **adiciaj**, li tamen – pro eŭfonio – intermetas la konjunkcion ***e*** (“kaj”)[22]:

| | |
|---|---|
| 11 = *dek e un* | 16 = *dek e sis* |
| 12 = *dek e du* | 17 = *dek e sep* |
| 13 = *dek e tri* | 18 = *dek e ok* |
| 14 = *dek e quar* | 19 = *dek e non*[23] |

[18] Atentu! La vorto *nulo* de mia kuzo havas la signifon de mia **nenio**.
[19] Bone atentu la prononcon de ĉi tiu vorto: *qu**a**r* (prononcu: kŭ**a**r).
[20] Miaj **ses** kaj **sep** ne ĉiam bone distingeblas parole, precipe telefone. Mia ruza kuzo tion evitas per siaj **sis** kaj **sep**: malsamas ja ilia ĉefa distingilo, la vokalo
[21] *Milion* ricevas la akcenton sur la lasta silabo (prononcu do *mili**o**n*), ĉar ĝi estas mallongigo de *mili**o**no*. Validas la samo pri *mili**a**rd* (mil milionoj), *bili**on*** (1 000 000$^2$), *trili**on*** (1 000 000$^3$), *quadrili**on*** (1 000 000$^4$), *quintili**on*** (1 000 000$^5$), *sextili**on*** (1 000 000$^6$), *septili**on*** (1 000 000$^7$), *oktili**on*** (1 000 000$^8$), *nonili**on*** (1 000 000$^9$), *decili**on*** (1 000 000$^{10}$). Oni povas uzi ankaŭ la plenan formon (*miliono, miliardo, biliono*, k.c.), sed kutime oni preferas la mallongigon.
[22] Tiun intermeton mia kuzo faras el du kialoj. Unue, ĉar temas ja pri adicio, kaj adiciojn plej bone esprimas ĝuste la konjunkcio *e* («kaj»). Due, ĉar tiel li evitas kelkajn son-karambolojn. Komparu ekz. mian **dekkvin** kun lia *dek e kin*. Mia kuzo havas delikatajn orelojn!

15 = *dek e kin*

La **akcento** ĉiam restas sur la unua numeralo. Oni do prononcu: *d**e**k e un*, *d**e**k e du*, *d**e**k e tri* ktp.

**16.** Por la numeraloj **multiplikaj** – denove pro eŭfonio – mia kuzo intermetas la vokalon ***a***:

| | |
|---|---|
| 20 = *duadek* | 60 = *sisadek* |
| 30 = *triadek* | 70 = *sepadek*[24] |
| 40 = *quaradek* | 80 = *okadek* |
| 50 = *kinadek* | 90 = *nonadek*[25] |

La akcento ĉiam restas sur la unua numeralo. Oni do prononcu: *d**u**adek*, *tr**i**adek*, *qu**a**radek* ktp.

**17.** La ceterajn numeralojn mia kuzo ŝpinas sammaniere. Jen kelkaj ekzemploj:

| | |
|---|---|
| 21 | = *duadek e un* |
| 54 | = *kinadek e quar* |
| 76 | = *sepadek e sis* |
| 99 | = *nonadek e non* |
| 122 | = *cent e duadek e du* |
| 345 | = *triacent e quaradek e kin* |
| 992 | = *nonacent e nonadek e du* |
| 1 377 | = *mil e triacent e sepadek e sep* |
| 3 456 | = *triamil e quaracent e kinadek e sis* |
| 15 234 | = *dekekinamil e duacent e triadek e quar* |

Kiam temas pri nombroj klafto-longaj, mia ruza kuzo glate elturniĝas. Ekzemple, por 345 000 li ne diras: *triacentamil e*

[23] Anstataŭ *dek e un*, *dek e du*, *dek e tri* ktp oni povas skribi *dek-e-un*, *dek-e-du*, *dek-e-tri* ktp.
[24] Komparu mian **sepdek** kun la *sepadek* de mia kuzo. Lia ĉiama serĉo de eŭfonio igis lin intermeti la vokalon **a** en ĉi tiuj numeraloj.
[25] Anstataŭ *duadek*, *triadek*, *quaradek* ktp oni povas skribi *dua-dek*, *tria-dek*, *quara-dek* ktp.

*quaradekamil e kinamil*. Anstataŭe li voĉas ege pli simple: *triacent e quaradek e kinamil*[26].

## EKZERCO

Skribu jenajn datojn laŭ la sistemo de mia kuzo kaj ilin voĉlegu plurfoje:

**1855** (naskiĝo de Louis de Beaufront); **1859** (naskiĝo de L.L. Zamenhof); **1868** (naskiĝo de Louis Couturat); **1887** (publikigo de mia unua lerno-libro); **1907** (naskiĝo de mia kuzo); **1908** (unua numero de *Progreso*, la plej grava revuo de mia kuzo); **1914** (morto de Couturat kaj fino de la periodo de stabileco, kiu difinis la nunan formon de mia kuzo); **1917** (morto de L.L. Zamenhof); **1918** (naskiĝo de Andreas Juste, la plej granda poeto de mia kuzo); **1921** (unua Internacia Ido-kongreso, en Vieno); **1925** (publikigo de *Kompleta Gramatiko Detaloza di la Linguo Internaciona Ido*, la plej grava verko de L. de Beaufront); **1972** (publikigo de *La serchado*, la plej fama verko de Juste); **1998** (morto de Andreas Juste).

## LA SUBSTANTIVOJ DE MIA KUZO

**18.** La **substantivoj** de mia kuzo havas la finaĵon **o**, kiel la miaj:

*patro*, *b**e**stio*[27] («besto»), *f**i**lio* («filo»), *domo*, *hundo*, *tablo*, *moblo* («meblo»), *viro*, *pomo*, *pupeo* («pupo»), *fam**i**lio*, *m**a**nuo* («mano»)

**19.** Por formi la **pluralon** mia kuzo anstataŭigas la finaĵon **o** per la finaĵo **i**:

[26] Alia elturniĝo de mia kuzo ĉe longegaj nombroj estas diri nur la apartajn ciferojn. Ekzemple, por 1 234 789: *un*, *du*, *tri*, *quar*, *sep*, *ok*, *non*.

[27] Ne forgesu ke **i** kaj **u** senpere antaŭ vokalo neniam ricevas la akcenton en mia kuzo. Por memorigi vin, dum la unuaj lecionoj mi plu grasigos la akcentitajn silabojn de tiaj vortoj. Bv do prononci: *b**e**stio*, *f**i**lio*, *fam**i**lio*, *m**a**nuo*.

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| *patro* | - | *patri* | *moblo* | - | *mobli* |
| *b**e**stio* | - | *b**e**stii*[28] | *viro* | - | *viri* |
| *f**i**lio* | - | *f**i**lii* | *pomo* | - | *pomi* |
| *domo* | - | *domi* | *pupeo* | - | *pupei* |
| *hundo* | - | *hundi* | *fam**i**lio* | - | *fam**i**lii* |
| *tablo* | - | *tabli* | *m**a**nuo* | - | *m**a**nui* |

**20. Homnomoj** ordinare ne idiĝas kaj restas en sia formo latina, kun la sola ŝanĝo de malmola **c** al **k** kaj de **ph** al **f**:

*P**e**trus*, *P**au**lus*, *Mar**i**a*, *Katar**i**na*, *Io**a**nnes*, *Io**a**nna*, *I**u**lius*, *Iak**o**bus*, *S**a**ra*, *Andr**e**as*, *Ios**e**f*, *L**u**kas*, *Ant**o**nius*, *Ant**o**nia*, *Gabri**e**l*, *Rafa**e**l*, *Ludov**i**kus*, *Elisab**e**th*, *Ies**u***, ***A**gnes*, ***A**nna*, *Sof**i**a*, *I**u**das*, *I**o**b*, *Zakar**i**as*, *Isa**i**as*, *M**a**rkus*, ktp.

## LA ARTIKOLO DE MIA KUZO

**21.** Mia kuzo havas la saman **artikolon** kiel mi. Ĝi estas la sama por singularo kaj pluralo, kiel ĉe mi:

| | |
|---|---|
| *la patro* | *la patri* |
| *la f**i**lio* | *la f**i**lii* |

**22.** Mia kuzo povas **elizii** la artikolon antaŭ vorto kiu komenciĝas per vokalo:

*l'amiko*, *l'ucelo* («la birdo»), *l'infanto* («la infano»)

**23.** Kiam la pluralo ne estas indikebla per finaĵo aŭ alie, mia kuzo uzas la specialan artikolon **le**:

*le Zamenhof* = la Zamenhof-oj, la familio Zamenhof

[28] Vortoj kiel *b**e**stio*, *fam**i**lio*, *f**i**lio* k.s, kiuj havas **i** kiel lastan literon de la radiko (*besti*/, *famili*/, *fili*/), evidente prezentas duoblan **i** en la pluralo, kio tamen tute ne ŝanĝas la lokon de la akcento. Bv do zorge prononci: *b**e**stii*, *fam**i**lii*, *f**i**lii*.

*le x e le y*[29] = la iksoj kaj la ipsilonoj

## **E** kaj **ED**

**24. e** («kaj») estas la ĉefa konjunkcio de mia kuzo:

| | |
|---|---|
| *patro e filio* | = patro kaj filo |
| *viro e hundo* | = viro kaj hundo |

Kiam la sekva vorto komenciĝas vokale, mia kuzo preferas uzi la varianton **ed**:

| | |
|---|---|
| *filio ed amiko* | = filo kaj amiko |
| *hundo ed ucelo* | = hundo kaj birdo |

## **DA**, **DE**, **DI**

**25.** Mia kuzo tute ne ŝatas ambiguajn frazojn. Tial li uzas tri prepoziciojn por mia sola **de**:

*a)* **DA** indikas la farinton, la faranton aŭ la faronton de ago. Ĝi respondas al mia **fare de** aŭ **far**:

| | |
|---|---|
| *verki da Zamenhof* | = verkoj far Zamenhof |
| *pikturi da Rafael* | = pentraĵoj far Rafaelo |

*b)* **DE** indikas deir-punkton (en spaco kaj en tempo), originon, dependon:

| | |
|---|---|
| *treno de Lisboa* | = trajno (kiu venas) de Lisbono |
| *de omna lateri* | = de ĉiuj flankoj |
| *de altra vidpunto* | = de alia vidpunkto |

[29] Kiam mia kuzo diras ***le** 4 e le 5 di vua kalkulo es apene lektebla*, mi devas surogati per ***ĉiuj*** **4 kaj 5 de via kalkulo apenaŭ legeblas**.

*c)* **DI** indikas posedon, apartenon aŭ ĝeneralan rilaton inter du aferoj, homoj aŭ objektoj:

| | |
|---|---|
| *la libro di Petrus* | = la libro de (apartenanta al) Petro |
| *la konquesto di **A**nglia* | = la konkero de Anglio |
| *la deskovro di Amerika* | = la malkovro de Ameriko |

Jena ekzemplo bone montras la diferencon inter la tri prepozicioj:

| | |
|---|---|
| *libro **da** Petrus* | = libro kiun verkis Petro |
| *libro **de** Petrus* | = libro kiu venas de Petro aŭ kiun Petro (prunte)donis |
| *libro **di** Petrus* | = libro kiu apartenas al Petro |

Jen alia ekzemplo:

| | |
|---|---|
| *portreto **da** Andreas* | = Andreo faris la portreton |
| *portreto **de** Andreas* | = Andreo estis la modelo: la portreto prezentas lin |
| *portreto **di** Andreas* | = Andreo estas la posedanto de la portreto |

Jen plia ekzemplo:

| | |
|---|---|
| *rapto **da** Ioannes* | = Johano rabis |
| *rapto **de** Ioannes* | = oni prirabis Johanon |
| *rapto **di** Ioannes* | = oni rabis Johanon |

**26.** La prepozicio **DI** estas la plej ĝenerala el ĉi tiu triopo. Mia kuzo do ĝin uzas en ĉiuj okazoj, kiam la senco ne klare postulas ideon pri aganto (**DA**) aŭ deveno (**DE**), aŭ alivorte, en ĉiuj **dubaj** okazoj.

## KIEL MIA KUZO UZAS LA SUFIKSON -*UM*-

**27**. Mia kuzo estas ege pli ŝparema ol mi, kiam temas pri apliko de la sufikso -*um*/. La suba tabelo montras, en la maldekstra kolumno, 260 el miaj um-vortoj, kaj en la dekstra – la ekvivalentajn vortojn de mia kuzo. Kiel oni povas konstati, nur en 9 el tiuj ekvivalentoj (3,5%) mia kuzo uzas la saman sufikson. Tiujn ekvivalentojn la aŭtoro grasigis. Jen la tabelo:

| | |
|---|---|
| aerumi | *aerizar* |
| aksumi[30] | *rotacar* |
| akvumi | *arozar* |
| alfabetumo | *alfabet-libro* |
| amikumi | *esar kun amiki* |
| amindumi | *kortezar* |
| ankrumi | *esar ankragita* |
| aŭskultumi | *auskultar* |
| barumo | *baro-fluo* |
| bierumi | *drinkar biero* |
| blindumi | *dazlar* |
| brakumi[31] | *embracar* |
| brovumi | *brov-agar*, *frunsar la brovi* |
| brulumo[32] | *inflamo* |
| buŝumo | *muzel-ligilo* |
| butikumi | *vizitar la butiki* |
| butonumi[33] | *buton-agar* |
| celumi | *apuntar* |
| cerbumi | *reflektar* |
| ĉarumo | *brueto* |
| datumi | *esar datizita* |
| dekstruma | *dextro-jiranta* |
| dekuma[34] | *decimala* |

---

[30] Arkaika. Nun mi diras: *rotacii*.
[31] Mi diras ankaŭ: *ĉirkaŭbraki*.
[32] Arkaika. Nun mi diras: *inflamo*.
[33] Mi diras ankaŭ: *butoni*.
[34] Arkaika. Nun mi diras: *decimala*.

| | |
|---|---|
| dekumi | *decimacar* |
| duuma[35] | *binara* |
| ekranumi | *skrenizar* |
| ***esperantumi***[36] | *parolar esperante* |
| faldumi[37] | *plisar* |
| fenestrumo | *shutro*[38] |
| ferumi[39] | *ferizar* |
| fingrumi | *fingr-agar* |
| flikumi[40] | *darnar*[41] |
| florumi | *florizar* |
| **foliumi** | ***foliumar*** |
| frenezumi | *freneziar* |
| **furumi**[42] | ***furetumar*** |
| gasumi | *gas-ocidar* |
| glaciumi[43] | *frigorizar; glacar* |
| glatumi | *desarufar* |
| glitumi[44] | *sketar* |
| grasumi | *dungar* |
| gustumi | *gustar* |
| hufumo | *hufo-fero* |
| kadrumo | *kadro* |
| karbumi | *karbizar* |
| **kojnumi** | ***koniumar*** |
| kolombumi[45] | *rukular* |

[35] Arkaika. Nun mi diras: *binara*.
[36] Mi aplikas la saman sufikson ĉe ĉiuj lingvoj: *latinumi* (paroli latine), *idumi* (paroli ide), ktp.
[37] Arkaika. Nun mi diras: *plisi*.
[38] Mia *ŝutro* ne havas la saman signifon kiel la *shutro* de mia kuzo. Mia kuzo diras: *(movebla) persieno*.
[39] Mi diras ankaŭ: *hufferi* aŭ *subforĝi*.
[40] Mi diras ankaŭ: *faden-fliki*.
[41] *rapecar* estas mia *fliki*.
[42] Ĝi aperas ekzemple en la verko *Tirano Banderas* (p. 49), tradukita de la virtuozo Fernando de Diego.
[43] Arkaika. Nun mi diras *fridigi* (**frigorizar** ĉe mia kuzo) kaj *glaceigi* (**glacar** ĉe mia kuzo).
[44] Arkaika. Nun mi diras: *sketi*.
[45] Mi diras ankaŭ: *kveri*.

| | |
|---|---|
| **kolumo** | ***kolumo*** |
| kombinumo[46] | *kombinuro* |
| komunumo | **komunitato* |
| kortumo | *korto eceptala* |
| kovrumo[47] | *kapoto* |
| krucumi | *kruc-agar, kruc-ocidar*[48] |
| krurumo | *gambalo* |
| kubutumi | *kud-pulsar; apogar la kudi* |
| **laktumo** | ***laktumo*** |
| lardumi | *lardizar* |
| lavumi[49] | *piktar aquarele* |
| linoleumo | *linoleumo*[50] |
| literumi | *espelar* |
| livuma | *adsinistre-jiranta* |
| lotumi | *lotriar* |
| maldekstruma | *adsinistre-jiranta* |
| malvarmumi | *havar kataro* |
| malvarmumo | *kataro* |
| mamumo | *mam-zono* |
| mankumi[51] | *sentar la manko di* |
| manumo | *ponyeto; mansheto* |
| **marmorumi** | ***marmorumar*** |
| mastrumi | *menajar* |
| **mondumo** | ***mondumo*** |
| muntumo | *framo* |
| nazumo | *naz-binoklo* |
| nigrumi | *celar* |
| nomumi | *nominar* |
| okulumi | *oglar* |
| ombrumi | *ombrizar* |
| ondumi | *ondizar* |

---

[46] Mi diras ankaŭ: *kombinato*.
[47] Arkaika. Nun mi diras: *kapoto*.
[48] La *krucumar* de mia kuzo havas la signifon de mia *kruci*!
[49] Arkaika. Nun mi diras: *tuĉi*.
[50] La *linoleumo* de mia kuzo estas aparta radiko (*linoleum*/*o*), dum la mia estas kunmetita (*li*/*ole*/*um*/*o*).
[51] Vorto enkondukita de Baghy kaj uzata de kelkaj verkistoj (ekz. Berveling).

| | |
|---|---|
| **orelumo** | ***orelumo*** |
| orumi | *orizar* |
| ovumi | *ovifar* |
| pakumo | *envelopilo* |
| palisumi | *empalar* |
| palpebrumi | *palpebr-agar* |
| panumi | *panizar* |
| papagumi | *papagaye repetar* |
| partumo[52] | *fraciono* |
| pasumi | *flanar* |
| pendumi | *pendar* |
| **piedumo** | ***kalzumo*** |
| pintumo | *pikanta espritajo* |
| plandumo | *suolo* |
| platumo | *plata flugo* |
| plenumi | *exekutar; satisfacar*[53] |
| porcionumi | *porcionigar* |
| postumo[54] | *kulato* |
| povumo | *povo* |
| proksimuma | *aproximita* |
| proksimume | *aproxime, cirkume* |
| radumi | *rote tormentar* |
| randumo | *chanto* |
| respondumo[55] | *responso* |
| ruĝumi | *rede fardizar* |
| rulumi[56] | *volvar* |
| saĝumi | *afektacar sajeso* |
| salivumi[57] | *bavar* |
| sapumi[58] | *saponizar* |
| sebumo | *graso* |

52 Arkaika. Nun mi diras: *frakcio*.

53 *On **exekutas** tasko, ofico, laboro, impero, lego, projeto, edc. On **satisfacas** promiso, kondiciono, obligo, devo, kontrato, edc.*

54 Arkaika. Nun mi diras: *kulaso*.

55 Arkaika. Nun mi diras: *respondeco*, aŭ eĉ pli moderne: *responso*.

56 Arkaika. Nun mi diras: *volvi*.

57 Mi diras ankaŭ: *bavi*.

58 Mi diras ankaŭ: *sapi*.

| | |
|---|---|
| seksumi | *sexu-agar* |
| sencumo | *sinso* |
| sentumo[59] | *senso* |
| serumo | *serumo*[60] |
| ŝnurumo | *kordizuro* |
| somerumi | *estivar* |
| spegulumo | *kirurgiala spegulo* |
| spikumi | *glinar* |
| sportumi | *sportar* |
| ŝtonumi | *ston-ocidar* |
| strekumi[61] | *hachar* |
| suĉumo | *sugilo (di bebeo)* |
| sukerumi[62] | *sukrizar* |
| ŝultrumi | *levar la shultri* |
| sunumi | *sunizar* |
| tamburumo | *cilindra bazo di kupolo* |
| tendumi | *kampar* |
| varmumi | *dolorar pro iriteso* |
| vortumi | *vorte expresar* |
| vostumi | *kaud-agar; stacar en serio* |

Tamen mia ruza kuzo aplikas la sufikson –*um*/ ankaŭ al aliaj vortoj, kiuj ĉe mi bone vivas sensufikse:

*blokumar* («bloki»)[63]
*bordumo* («bordero»)
*brakiumo* («brakbendo»)
*flankumar* («flanki»)
*formikumar* («svarmi»)
*honorumala* («honora»)[64]

---

[59] Mi diras ankaŭ: *senso*.
[60] *Serumo* estas aparta radiko ĉe mia kuzo, dum ĉe mi ĝi estas kunmetaĵo de *sero* (*ser*/*um*/*o*).
[61] Mi diras ankaŭ: *haĉi*.
[62] Mi distingas *sukeri* (ĉe mia kuzo: *adjuntar sukro*) de *sukerumi* (ĉe *mia kuzo*: *indutar per sukro*).
[63] Temas pri la difino **5** en PIV: *provizore anstataŭigi mankantan tipon per alia returnita tipo*.

*jaspumar* («jaspi»)
*kropumo* («submentono»)
*krucumar* («kruci?)
*mentonumo* («menton-bendo de kap-vesto»)
*nukumo* («nuko-kovrilo»)
*pavonumar* («pavi»)
*satinumar* («sateni»)
*teleskopumar* («enŝovi ties partojn unujn en la aliajn»)

**Kiel mi, ankaŭ mia kuzo uzas vortojn kun *um* senprefiksa, apartenanta al la rakiko, kaj tion li faras pli abunde ol mi:**

*albumo*, *arumo*, *asumar* («surpreni»), *atriumo* («atrio»), *bitumo*, *cirkum* («ĉirkaŭ»), *dum*, *duodenumo* («duodeno»), *forumo*, *fumar* («fumi»), *glumo*, *grumo*, *gumo*, *hum!*, *harmoniumo*, *konsumar* («konsumi»), *kostumo*, *krumo* («panmolo»), *kurkumo*, *kustumar* («kutimi»), *legumo* («legomo»), *linoleumo*, *lumar* («lumi»), *mediumo*, *miniumo* («minio»), *opiumo* («opio»), *paliumo*, *parfumo*, *plumo*, *postuma* («postmorta»), *quantumo* («kvantumo»), *quorumo* («kvorumo»), *radiumo*, *rektumo*, *rezumar* («resumi»), *rumo*, *sakrumo* («sakro»), *sedumo* («sedo»), *serumo*, *sorgumo* («sorgo»), *spumo* («ŝaŭmo»), *sternumo*, *strumo*, *subsumar* («logike loki»), *sumo*, *zumar* («zumi»).

---

[64] Mia *honor-profesoro* sonas *honorumala profesoro* en la buŝo de mia kuzo.

**ENHAV-TABELO**